


# INTERNACIA FERVOJISTO

**2008.2**




*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*

# IFEF havos ZEO -n en Malbork

Kiel la pli multo scias, la programo de la Postkongreso de la 60-a IFK en 2008 enhavos viziton de la polaj urboj Malbork kaj Bjalistoko, la urboj kun la plej multaj ZEOj en Pollando.

Ekzemple, en Malbork troviĝas jam 34 ZEO-j, 31 staras en la "Parko de la Mondo", tri aliaj situas en la urbo ekster la "Parko". Okaze de nia 60-a IFK kaj ties Postkongreso oni do solene inaŭguros en Malbork jam la 35-an ZEOn, tiun de IFEF. La solenaĵo okazos dimanĉe la 25-an de majo 2008 je la 9-a horo en la Parko de la Mondo kaj la organizantoj tiucele invitis kelkajn polajn eminentulojn kaj funkciulojn de la politika kaj publika vivo, inter ili: Marŝalon de la Pola Senato Bogdan Borusewicz, la estron de la Malborka Distrikto Miroslaw Czapla, la urbestron de Malborko Andrzej Rychłowski, la prezidanton de la Urba Konsilio Arkadiusz Mroczkowski kaj ankaŭ la junularan folkloroensemblon "Malbork". Oni esperas, ke krom la Prezidanto de IFEF, estraranoj kaj partoprenantoj de la Postkongreso venos por ĉeesti la solenaĵon.

Do, se vi ne partoprenos la Postkongreson, bonvolu pripensi vian restadon post la IFK aŭ vian specialan venon al Malbork por partopreni la solenaĵon kaj viziti la faman kruckavaliran Kastelon kaj aliajn vidindaĵojn de la urbo kaj la menciitajn ZEOjn (kun E-ĉiĉerono).

Por pli detalaj informoj, petu aŭ viajn mendojn pri loĝado k.t.p. direktu al retadreso de EK "Kastelo" en Malbork: **esperanto@powiat.malbork.pl**

*-ĉk-*

**Frontpaĝe.**

*Malborko, (vizitota dum la postkongreso), prezentas riĉan historion, kiu komenciĝis jam en la jaro 1276. La urbo fieras pri siaj diversaj monumentoj, ĉefe pri la kastelo de la ordeno de la Teŭtonaj kavaliroj.*

## Enhavo

60-a Internacia Fervojista Esperanto - Kongreso




Pollando, Poznano
17-24 majo 2008

  

# Nia venonta 60-a IFEF-kongreso en Pollando

## Turismaj allogaĵoj de la kongreso

Antaŭ ni, la 60-a Internacia Kongreso de la Fervojistaj Esperantistoj, okazos duan fojon en Pollando. Ĉifoje, ni renkontiĝos en **Poznano de la 17-a ĝis la 24-a de majo 2008.**

Dum la kongreso, ni volas montri la belaĵojn de nia lando kaj ekkonigi ĝian historion kaj kulturon. Ni proponas jenajn programerojn:

- **promenadon tra bela Poznano** kun vizito al la plej famaj antikvaĵoj de la Malnova Urbo i.a. la katedralo kaj aliaj ĉefaj plej antikvaj preĝejoj,
- **la duontagan pertrajnan ekskurson al Wolsztyn,** kie ni povas viziti faman muzeon samtempe funkciantan kiel vaporlokomotivremizon.
- **la duontagan busan ekskurson al Kórnik** kaj al Grandpollanda Nacia Parko
- **la tuttagan busan ekskurson** laŭ itinero de Piast-dinastio tra Lednica, Gniezno, Biskupin, Wenecja.

**- La vaporlokomotivejo en Wolsztyn**



Ĝi estas eksterordinara loko por fervojistoj, ekspertoj kaj por fervojo-amantoj. Oni kolektis ĉi tie 30 vaporlokomotivojn de 15 diversaj tipoj, kiuj devenas el dudekaj kaj tridekaj jaroj de la dudeka jarcento. Plej valora eksponaĵo estas "La Bela Helena", pola lokomotivo de serio PM36-2, kiu povis atingi rapidecon de 130 km/h. Ĉiuj veturiloj estas plenpretaj tiri vagonarojn. Unike en Eŭropo ili kondukas ĉiutage laŭ planitaj trajnoj al Poznano kaj al Leszno. Ofte ili funkcias kiel lokomotivoj de retro-trajnoj kaj eksteroridinaraj trajnoj. La vaporlokomotivoj el Wolsztyn estis uzataj en filmaj scenoj i.a. en filmo de Steven Spielberg "La listo de Schindler". Ĉiujare lastan sabaton de aprilo okazadas en Wolsztyn fama parado de vaporlokomotivoj el tuta Eŭropo. Ĉijare, okaze de la 100-a datreveno de la vaporlokomotivejo, vizitis ĝin pli ol 20 mil spektantoj.

**Kórnik** - la urbo, 20 km-ojn distanca de Poznano, kie troviĝas palaco kun apudaj parkoj, kiuj apartenis antaŭe al la familio Dziatyński. La neogotika kastelo, kiu aspektas kiel defenda konstruaĵo staras en granda parko. Ĉi tiu arbara parko enhavas valorajn specojn de kreskaĵoj kaj naturaj unikaĵoj. En apuda Grandpolia Nacia Parko en la urbeto Puszczykowo indas viziti privatan



muzeon de fama pola terglobtrotisto - Arkady Fiedler kun kolektoj de naturaĵoj, ĉasistaj trofeoj el diversaj partoj de la mondo.

Interesa estas ankaŭ piramido simila al tiu de Cheops.

**La itinero de la Piast-dinastio** - kondukas tra terenoj de nordorienta parto de Grandpolio kaj okcidenta Kujavio. Ĝi ligas multajn lokojn koncernantajn komencon de **Pola Ŝtato** dum la regado de polaj reĝoj kaj princoj el la dinastio de Piastoj. Krom historiaj memoraĵoj kaj valoraj monumentoj de romanika kaj ali-stila arkitekturo ni povos admiri belajn pejzaĝojn kun multaj lagoj. Veturante el Poznano ni laŭvoje vidos la jenajn lokojn:



**Ostrów Lednicki** - insulon Lednica kuŝantan en norda parto de la lago "Lednickie", kie restis la fragmentoj de la kastelo konstruita dum la periodo de la regado de princo "Mieszko la 1-a" antaŭ la jaro 966, kiam Pollando akceptis kristanan bapton el Ĉeĥio.

**Gniezno** - la unuan metropolon de Pollando, urbon kun riĉa historio ligita kun komenco de la pola ŝtato. La ĉefa monumento estas la katedralo kun tombo kaj relikvoj de sankta Adalberto. Plej valoraj estas tiel nomata "Pordego el Gniezno" - plej impona verko de romanika arto en Pollando, kiu ilustras la historion de la vivo kaj morto de sankta Adalberto. En Gniezno okazis en la jaro mil kunveno de imperiestro Otton III kun pola princo Boleslav la Brava, dum kiu Otton transdonis la kronon kaj insignojn de reĝopovo al Boleslav.

En muzeo de Komenco de Pola Ŝtato oni povas spekti la historion en lum-sona spektaklo en diverslingvaj versioj.



*Katedralo en Gniezno*



**Biskupin** - faman arkeologian elfosaĵon, kuŝantan en insulo inter du lagoj. Nun estas rekonstruita la praslava setlejo el la tempo de la kulturo de Łużyce de la 8-a jarcento a. K. En la loko oni ekspozicias domojn el ligno kaj pajlo, kaj oni prezentas vivkondiĉojn de malnovaj slavaj gentoj. En apuda muzeo ni povas rigardi elfositajn eksponaĵojn kaj ekkoni la plej malnovan historion.

**Wenecja** - estas la vilaĝo kun ruinoj de kastelo de la jaro 1390, kun kiu estas ligita la legendo de "Diablo de Wenecja". Tamen plej valora en Wenecja estas la muzeo de mallarĝtraka fervojo. Krom diversaj etŝpuraj lokomotivoj, vagonoj kaj diversaj fervojaj maŝinoj kaj signaliloj oni povas rigardi fervojajn uniformojn kaj ilaron. Oni povas rigardi personajn kaj poŝtistajn vagonojn kaj spekti la internon de la malnova stacidomo. La vagonoj funkcias dum la turisma sezono. La vagonaro regule, kelkfoje dumtage veturas el Wenecja tra Biskupin al Znin.



*Turismaj informoj elprenitaj el la bulteno de la Pola Esperanta Fervojista Asocio "Verda Lumo"*

## Naskiĝdatreveno

La 18/04/2008 Pierre ROBIOLLE, Honora Prezidanto de FFEA, festos sian 85 naskiĝ-datrevenon.

Pro lia granda merito, en jaro 2007 li estis nomumita Honora Membro de IFEF.

**Koran dankon por lia plurjardeka rezultohava grava laboro.**

# Raporto de la kasisto por la jaro 2007

| Enspezoj | EUR | Elspezoj | EUR |
|---|---|---|---|
| Kotizoj | 6163,00 | IF-presado | 2075,00 |
| Donaco | 20,78 | IF-sendo | 1757,00 |
| FFK-vendo | 66,00 | UEA-kotizo | 171,00 |
| | | Afrankoj FK | 82,64 |
| | | Estraro | 1300,78 |
| | | Bankkostoj | 16,30 |
| | | ifef.net | 28,70 |
| **Sumo :** | 6249,78 | **Sumo :** | 5431,42 |

| Membro-stato | | |
|---|---|---|
| **Lando** | **2006** | **2007** |
| Aŭstrio | 56 | 56 |
| Belgio | 15 | 15 |
| Bulgario | 15 | 15 |
| Ĉeĥio | 40 | 40 |
| Ĉinio | 15 | 15 |
| Danio | 60 | 60 |
| Francio | 110 | 105 |
| Germanio | 137 | 129 |
| Hispanio | 15 | 15 |
| Hungario | 30 | 30 |
| Italio | 65 | 65 |
| Japanio | 15 | 15 |
| Kroatio | 15 | 15 |
| Norvegio | 36 | 36 |
| Pollando | 15 | 15 |
| Rumanio | 15 | 15 |
| Serbio | 15 | 15 |
| Slovakio | 10 | 10 |
| Slovenio | 6 | 6 |
| Individuoj (5 CH + 6 NL + 1 FI) | 12 | 12 |
| | 697 | 684 |

| Bilanco je la 31-a de decembro 2007 | | | |
|---|---|---|---|
| **Aktivoj** | **EUR** | **Pasivoj** | **EUR** |
| Banko | 9509,08 | Kongresa Garantia Fonduso | 18,78 |
| UEA-konto | 1670,68 | Junulara Fonduso | 501,18 |
| Kaso | 15,07 | Adopta Fonduso | 98,85 |
| | | Terminara Fonduso | 78,48 |
| | | Estrara Fonduso | 369,52 |
| | | SAEF-Fonduso | 1956,05 |
| | | „Historia libro (IFEF 100 jaroj)“ | 0,00 |
| | | jarrezultoj sumigitaj | 7263,61 |
| | | ĉijara rezulto | 818,36 |
| | | antaŭricevitaj kotizoj 2008 | 90,00 |
| **Sumo :** | 11194,83 | **Sumo :** | 11194,83 |

| Propono de buĝeto por la jaro 2009 | | | |
|---|---|---|---|
| **Enspezoj** | **EUR** | **Elspezoj** | **EUR** |
| Kotizoj | 6000,00 | IF-presado | 2100,00 |
| FFK-vendo | 50,00 | IF-sendo | 1800,00 |
| | | UEA-kotizo | 171,00 |
| | | Afrankoj FK | 120,00 |
| | | FFK-presado | 200,00 |
| | | Estraro | 1400,00 |
| | | ifef.net | 30,00 |
| | | Bankkostoj | 20,00 |
| | | Diversaj | 209,00 |
| **Sumo :** | 6050,00 | **Sumo :** | 6050,00 |

## Tagordo de la nepublika komitatkunsido 19.05.2008

1. Malfermo, konstato mandatoj
2. Diskuto de kongrespropono(j)
3. Diskuto de kasraporto-bilanco 2007/buĝeto 2009
4. Diskuto, analizo de la situacio en kelkaj landoj
5. Diskuto de venontaj kongresoj
6. Analizo de eksteraj rilatoj

Eventualaĵoj

## Tagordo de la publika plenkunsido 20.05.2008

Malfermo, konstato mandatoj
Ricevitaj telegramoj, leteroj
Honorigo al la mortintoj
Estraranaj raportoj
- Sekretario
- Redaktoro
- Kasisto

Protokolo Parizo (FR)
Raporto de la ĉefkomitatano
Kongrespropono(j)
Raportoj de la Faka Komisiono (FK)
- Gvidanto
- Sekretario de la Fake Aplika Sekcio (FAS)
- Sekretario de la Terminara Sekcio (TS)

Raportoj de la komisiitoj
- Skisemajno (IFES) 2008
- Fervoja Koresponda Servo (FKS)
- Komitatano "A" por IFEF ĉe UEA

Resumo de la jarraportoj 2007 el la landaj asocioj
Analizo de la nuna situacio en kelkaj landoj
Buĝeto 2009 kaj kotizkonfirmo
Rilatoj al aliaj organizoj
- 13.1. UEA
- 13.2. FISAIC

Venontaj kongresoj
- Konfirmo de invito al la 61-a IFK 2009
- Elekto de lando por 2010, la 62a IFK
- Diskuto pri pluaj eblecoj

Venontaj IFES 2009 kaj 2010
Eventualaĵoj
Libera diskutado

# Jarraporto de la sekretario por la jaro 2007

**Niaj mortintoj**

Post la kolekto de la jarraportoj de la landaj asocioj, la nomoj de niaj malaperintoj estos legataj dum la plenkunsido en Poznano.

**Membrostato**

Post la kolekto de la jarraportoj de la landaj asocioj, la aktuala membrostato estos altirebla de la jarraporto de la Vp.

En la jaro 2006, la membrostato de la landaj asocioj estis 2040 anoj, sed IFEF enhavis 681 anojn, laŭ la pagitaj kotizoj.

**Interna laboro**

**Estrarkunvenoj**

La estraro kunvenis dufoje ekster kongreso:

- la unuan fojon en Triesto (IT) 30.3-1.4.2007. Ĉeestis la kompleta estraro, la Ĉk kaj parte, pro unu punkto de la tagordo s-ino Ackerman kaj s-ro Stuppnig - dum malfermo. La e-kunveno estis organizita flanke de la Triesta Esperanta-Asocio.

Dum la e-kunveno en Triesto naskiĝis la ideo pri la IFK okazonta en Italio, en Triesto kaj s-ino Ackerman, nome de lokaj esperantistoj akceptis la ideon kaj komencis la preparadon.

- la duan fojon la e-o renkontiĝis en Budapeŝto (HU) 5-7.10.2007. Ĉeestis la kompleta estraro kaj la Ĉk.

La kunvenon organizis la Vp István Gulyás.

La e-o traktis la kutimajn tagordojn .

**Ĉefkomitatano(j)**

La Ĉk prizorgis la cirkuleron; kun la Vp li kolektis la jarraportojn, preparis kongresproponojn, kun la Ks ĝisdatigis la adresaron de la IFEF-funkciuloj, ĉeestis ambaŭ estrarkunsidojn kaj kelkajn jarkunvenojn de l.a.

**Evoluo en kelkaj landoj**

Laŭ la raporto de la Ks, kompare kun la jaroj 2005 kaj 2006, la membro-stato laŭ pagitaj jarkotizoj montras malkreskon.

**Laborplano**

**Koresponda servo**

S-ro Dan Dragos Aldea (RO) zorgas pri tiu servo kaj konstatas ke tiu servo en tradicia senco, eble pro intereto kaj aliaj komunikiloj, ne plu estas uzata.

**Faka Komisiono**

Pri la Komisiono zorgas s-o Jan Niemann kiel la gvidanto.

**Terminara sekcio**

Pri la TS zorgas s-ro Heinz Hoffmann.

La laborrezultoj je la kampo de kunlaboro inter TS kaj UIC estas kontentigaj. Notinde estas, ke, la unuan fojon, UIC – responsulo partoprenis IFEF – kongreson, kiel s-ino Rosalinde Taucher dum malfermo de la IFK en Parizo.

**Fake Aplika Sekcio**

Pri la FAS zorgas s-ro Ladislav Kovář.

La FAS kolektis kaj prizorgis dumkongresajn fakprelegojn en Parizo. Okazis 12 fakprelegoj.

Same , estis eldonita la 13-a numero de Fervojfakaj Kajeroj.

**Fervojista kontaktkunveno dum la 92a UK Jokohamo (JP) (4-11.8.2007)**

La fervojistan kontaktkunvenon ĉeestis po 30 personoj el 10 landoj.

Inĝ-ro Gulyás kiel A-komitatano, parolis pri IFEF, pri pasinta 59-a IFK en Parizo kaj pri la venonta IFK en Poznano. Kun s-ro Gulyás, ankaŭ s-ro Osioka Moritaka (JP) kungvidis la kontaktkunvenon.

**Aranĝoj**

**IFEF Skisemajno**

48a IFES okazis tre sukcese de la 17-a ĝis la 24-a de februaro 2007 en Azuga (RO) kun 23 partoprenantoj el 5 landoj. La organizantoj (same iuj ĉeestintoj) de lastaj kelkaj IFES intencas ŝanĝi la nomon de tiu aranĝo por pli facile allogi novajn partoprenantojn.

**IFEF - Kongreso**

La 59-a IFK okazis en Parizo de la 12-a ĝis la 19-a de majo 2007 kaj ĝin ĉeestis 268 kongresanoj el 24 landoj.

Okazis reelekto de ĉiuj ĝisnunaj estraranoj: D-ro Romano Bolognesi estos la prezidanto, Inĝ István Gulyás la vicprezidanto, Laurent Vignaud la kasisto, Jean Ripoche la redaktoro de IF kaj Marica Brletić estos la sekretariino.

Se la 58-a IFK estis unika ĉar ĝi okazis, la unuan fojon, en alia kontinento; la pariza kongreso, la kvina franca IFK, estis unika pro ĉeesto de multaj eminentuloj flanke de esperantaj kaj fervojaj organizoj. Ĉeestis s-ro Corsetti, prezidanto de la Universala Esperanto-Asocio, s-ro Barković de SAT, S-ro Zaleski Zamenhof, la nepo de la kreinto de Esperanto, s-ro Flochon por UFE, s-ro Peyrouty por SAT-Amikaro, s-ino Taŭcher por UIC, s-ro Tschanz nome de FISAIC kaj aliaj.

Je amikeca etoso, ĉiuj programeroj estis bonegkvalite plenumitaj kaj la kongreso estis tre sukcesa.

**Eksteraj rilatoj**

**UEA**

La kontaktoj kaj kunlaboro inter UEA kaj IFEF estas kontentigaj.

Sed tamen! Post dujara pripensado, la e-o decidis perletere instigi la UEA prezidanton kaj la Centran Oficejon al decido ke IFEF reprezentanto ricevu konstantan rajton oficiale saluti kongresanojn dum solenaj UK-malfermoj.

**FISAIC**

La rilatoj inter FISAIC kaj IFEF estas kontentigaj.

**Fina komentario**

Nia Organizo serioze alproksimiĝas al sia centjariĝo.

La e-o , ĉefe la prezidanto, dumjaroj zorgadas per konvenaj preparadoj.

Ni ĉiuj helpu al s-ro Bolognesi per materialoj por Historio.

*Zagreb, februaro 2008* *Marica BRLETIĆ, sekretariino de IFEF*

# Ĉeĥoj konferencis en Liberec

Ĉeĥa landa asocio de IFEF kutimas dum lastaj jaroj organizi por sia membraro du konferencojn jare. En 2007, la Printempa konferenco okazis, fine de majo, en la sudmoravia urbo Valtice (apud la landlimo kun Aŭstrio). La programo konsistis el pli detalaj informoj pri la 59-a IFK en Parizo kaj pri preparoj de la jubilea 60-a IFK en Poznano, tio persone prezentitaj per lumbildoj de la LKK-prezidanto inĝ. Wieslaw Libner.

Ankaŭ menciindaj estas fakprelegoj, ekskurso al rekonstruitaj apudlandlimaj fervojstacioj Znojmo kaj Šatov, kaj vizito de la historia fervoja viadukto super la rivero Dyje apud Znojmo. En Šatov oni krome vizitis du tre interesajn lokojn : la vastan subteran arealon de la grava militista fortikaĵo funkcianta eĉ



La urbodomo de Liberec

dum la postmilita tn. "Malvarma Milito"; la unikan kaj tre grandan vinkelon "La Pentrista Kelo", riĉe ornamitan per plastikaj pentraĵoj de Maxmilian Appeltauer.

La 42-a jarkonferenco de la Ĉeĥa l.a. de IFEF ĉe FISAIC ČD okazis dum oktobro 2007 en la nordĉeĥa foirurbo kaj grava fervojnodo Liberec.

La konferencon persone salutis la vicurbestro de Liberec Milan Šír, la vicprezidanto de ĈEA D-ro Petr Chrdle, reprezentantino de la Junulara sekcio de ĈEA Dáša Chvátalová, la IFEF-kasisto Laurent Vignaud kaj reprezentantoj de Aŭstrio, Francio kaj Hungario.

Krom raportoj pri la agado okazis interesaj fakprelegoj, ekz. de Inĝ. Ladislav Kovář kaj Laurent Vignaud pri Grandrapidaj trajnoj TGV sur la linio TGV-Oriento en Francio akompanata per multaj lumbildoj. Menciindaj estas aktualaĵoj prezentitaj pri historio kaj nuntempo de la ĉefa fervojstacio de Liberec, pri la fervojlinioj al fervojnodo Liberec, pri la Telfero Liberec-Ještěd, pri la Esperanta urbo Herzberg am Harz en Germanio. La aŭtuna vetero favoris fakan ekskurson kaj traveturon per la montara telfero el Liberec al la montosupro de Ještěd, kiu estas ekspluatata de la Ĉeĥaj Fervojoj ČD (pli frue ČSD) ekde la 27-a de junio 1933. Post baza rekonstruo en la jaroj 1971-1975 ĝi apartenas al la telferoj de la monda nivelo. Menciindas, ke dum la longjara ekspluatado okazis neniu akcidento aŭ grava perturbo en trafikado.

Kiel jam fariĝis kutima, ĉiuj partoprenantoj ricevis pri la traktataj temoj kaj vizititaj lokoj fakajn tekstojn kaj priskribojn en Esperanto.

*Jindřich Tomíšek*

# Montara miraklo sur fervojaj trakoj en Tibeto

Kiel oni scias, la ĉina fervoja linio el Golmud al la tibeta ĉefurbo Lasso 1142 km-ojn longa, ekfunkciis en julio 2006. Veturtempo de la trajno, trafikanta laŭ trajntraceo horara inter Pekino kaj Lasso daŭras 48 horojn.



*Tri potencaj usonaj lokomotivoj de la firmao "General Electric", trenantaj trajnojn inter Golmud kaj Lasso.*

Trajnoj sur tiu ĉi linio estas trakciataj per tri dizelelektraj lokomotivoj de la usona firmao General Electric, kaj malgraŭ ekstremaj terenaj kondiĉoj atingas rapidon de 100 km/h. La trajno samtempe tiras specialan teknikan vagonon, liverantan elektran energion, bezonatan por ekspluatado en ekstremaj kondiĉoj.

La plej alta liniopunkto estas Tonggulapass, kie la trajno atingas la alton de 5072 metroj super la marnivelo, kie la temperaturo vintre atingas ĝis 45 gradoj sub nulo laŭ Celsio. Laŭ sisma vidpunkto, 544 km-oj de la linio trairas sisman teritorion de la 7-a grado, 382 km-oj de la 8-a grado kaj 216 km-oj en teritorio de la 9-a grado. Krom ŝirmi la konstruatan linion kontraŭ tertremaj ekskuoj oni devis respekti ankaŭ ekologian ŝirmon de la regiono. La unika konstrua projekto fariĝis konstruo de la ponto trans la rivero Lasahe.

Ĉar en altmontaraj kondiĉoj troviĝas je duono malpli da oksigeno ol en la kutimaj „ebenaĵaj“ partoj, oni provizas la vagonojn per oksigeno tra specialaj aperturoj, la veturantaj pasaĝeroj krome laŭbezone povas uzi la specialan personan oksigenmaskon. Pro la indikitaj kondiĉoj en altmontaraj liniopartoj, la laboristoj dum la konstruado laboris malpli da horoj tage kaj oni konstruis por ili specialajn oksigencentrojn.

*Esperantigis la tekston,*
*Jindřich Tomíšek*

# Per trajno pli rapide ol per aviadilo

EUROSTAR superis rekordan veturtempon inter Parizo kaj Londono: 2 horojn kaj 3 minutojn!

Eurostar, la grandrapida trajno kunliganta la londonan fervojan stacion Waterloo (ekde la 14-a de novembro la londona stacio St. Pancras), Ebbsfleet (ekde la 19-a de novembro), Ashford, Parizon, Bruselon, Lille, Calais, Disneyland Resort Paris, Avignon kaj Francajn Alpojn, atingis marde la 4-an de septembro 2007 rekordan veturtempon kaj superis historie la plej rapidan vojaĝon inter la ĉefurboj de Francio kaj Britio. Tiu ĉi rekorda veturo el Parizo al Londono daŭris nur 2 horojn kaj 3 minutojn.



*Panoramo de la londona fervojstacio Waterloo*

La rekordon oni atingis dank' al la nova grandrapida linio sur la teritorio de Britio, portanta nomindikon "Grandrapida linio n-ro 1" (High Speed 1) kaj veturanta al la nova londona terminalo Saint Pancras International. La kompanio Eurostar estas transportisto sur tiu ĉi grandrapida linio.

La trajno forveturis el la pariza fervojstacio Gare du Nord je la 10.44 horo laŭ la mezeŭropa tempo (CET) kaj venis al la stacio St. Pancras International je la 11.47 horo de la Brita somera tempo (BST). Inter tiuj ĉi tempozonoj estas unuhora diferenco.

La kompanio Eurostar finis la regulan trafikadon en fervoja stacio Waterloo marde la 13-an de novembro vespere kaj nokte ĝi transiris al sia nova londona terminalo St. Pancras. Nur sekve de tiu ĉi translokiĝo al nova stacio rekte en la urbocentro de Londono la veturtempo inter Londono, Parizo kaj Bruselo mallongiĝis per minimume 20 minutoj.

La urboj Parizo kaj Londono tiele aliĝis al la "duhora klubo" kaj ambaŭ grandurboj fariĝis ankoraŭ pli proksimaj ol antaŭe. La hodiaŭa rekorda vojaĝo montras, ke la nova linio High Speed 1 ebligos transporti milionojn da vojaĝantoj inter Britio kaj la kontinento komforte, rapide kaj efektive."

La novaj veturtempoj dank' al High Speed 1, la unua grandrapida linio en Britio, estas:

– Londono – Parizo 2 h 15 min;
– Londono – Bruselo 1 h 51 min;
– Londono – Lille 1 h 20 min.

Alian novan fervojan stacion, Ebbsfleet International, oni planis malfermi por ekspluatado la 19-an de novembro 2007. La veturtempo el tiu ĉi fervojstacio al Eŭropo estas ankoraŭ je 10 minutoj malpli ol el fervoja stacio St. Pancras.

Pli detalajn informojn vi povas trovi je retadreso w.w.w.eurostar.com

*Esperantigis Jindřich Tomíšek*

# La plej longa tunelo en Eŭropo finkonstruita



*Panorama de la konstruata suda tunela portalo proksime de Rarogne*

La t.n. baza Lötschberga tunelo 34,6 km-ojn longa estis solene finkonstruita la 16-an de junio 2007. Temas pri nuntempe la plej longa subtera tunelo en Eŭropo, konstruata ok jarojn en geologie malsimpla tereno. La ideo konstrui la tunelon aperis jam en sesdekaj jaroj kaj estis plenumita en 1992, kiam oni per popola voĉdonado decidis pri ĝia konstruado. La konstrulaboroj je tiu ĉi svisa tunelo komenciĝis somere en 1999.

Komune kun la Simplona tunelo, la Svisaj Fervojoj ricevis ekde la horaro 2007/2008 rapidan kunligon sub Alpoj en plene ekspluatata direkto nordo – sudo. Tiu ĉi ankaŭ signifas transiron de parto da tranzitaj transportoj (varoj, pasaĝeroj) de ŝoseo al fervojo.

La solenaĵo okaze de finkonstruo de la tunelo okazis sabate la 16-an de junio en la proksimo de la tunelaperturoj, do en Fruttigen, kaj en Vispu apud la suda tunela portalo. Por la vizitantoj estis preparitaj specialaj „shuttle“ trajnoj, trafikantaj en duonhora intervalo inter la norda kaj suda portaloj de la tunelo.

La montara liniosekcio, tn. Lötschbergbahn, kie trafikas regionaj longdistancaj trajnoj InterCity, restas ekspluatata. Oni povas tie vidi ne nur trajnojn de la „patrina“ kompanio BLS, sed ankaŭ trajnojn de la ŝtata kompanio SBB/CFF, trafikantajn ekz. inter Zürich kaj Brig. En la kulminlinia stacio Kandersteg, la trajnoj veturas en la malnova "Lötschberga tunelo", kiu longas 20 km-ojn malpli ol tiu ĉi nova, lastjare finkonstruita.

*Laŭ informoj de SBB/CFF kaj VIA, preparis Jindřich Tomíšek*

## Interamikiĝo en Koreio Fervoja. Trafiko inter Nordo kaj Sudo komenciĝis

Seulo (dpa). Suda kaj norda Koreio komencis, funkciigi unuafoje ekde la interfrata milito antaŭ pli ol 50 jaroj, denove limtrapasantan fervojan trafikon. La unua trajno trafikis mardon (11.12.2007) sur 16,5 km-ojn longa linisekcio inter la sudkorea urbo Munsan kaj la nordkorea limstacio Panmun.




*Koreanoj jubilas pri vartrajno, kiu la armistican linion inter suda kaj norda Koreio traveturis (dpa).*

Unue, la fervoja linio, nur por la vartrafiko, estas malfermita. Kiam pasaĝertrajnoj povos traveturi la militan bufrozonon inter ambaŭ landoj, estas ankoraŭ neklara.

"La interna korea fervojo estas grava infrastrukturprojekto, kiu fortigos la ekonomian kunlaboron", diris la sudkorea ministro pri reunuiĝo Lee Jae Joung dum ceremonio en Panmun. "La kooperacio evoluas ĉiutage", oni citis lin flanke de la sudkorea novaĵagentejo Yonhap. La nordkorea kabinetkonsilisto Kwon Ho Ung priskribis la komencon de la trajntrafiko kiel nova ĉapitro en la historio de la korea nacio.

Unue veturu labortage po unu trajno trans la limo. Pri regula vartrajntrafiko ambaŭ landoj interkonsentis ĉe la pinta renkontiĝo komence de oktobro (2007). Fora celo estas, ligi la fervojan linion en la estonteco trans Norda Koreio al la transsiberia fervoja reto. Ambaŭ ŝtatoj troviĝas internacijure ankoraŭ en la stato de milito, ĉar ekde la interkorea milito (1950 - 1953) ankoraŭ ne estas farita packontrakto.

Teksto el "Wetterauer Zeitung" de la 12.12.2007.

Pri la temo vidu ankaŭ: I F Nr 6/94, 6/00, 5/03 kaj 4-5/07.

*Walter Ullmann, Germanio*

## Novaĵo el Esperantujo:

En nia lando( ĵus ) aperis nova vortaro Germane-Esperante, kompilita de d-ro Erich-Dieter Krause. Ĝi ampleksas ĉ. 160 000 vortojn kaj havas la grandecon de 17,5 x 24,5 cm, do ne portebla en la pantalonpoŝo....

Tio signifas ke ĝi estas pli granda ol PIV. Kompreneble ke la prezo este ege alta, sed laŭ mia takso ĝi valoras la prezon. Mi tuj aĉetis ĝin kaj instigis ke ankaŭ nia klubo mendis ĝin, por montri al interesuloj la prestiĝan verkon.
(W.U.)

# En Istanbul kreskas konstruaĵo de la jarcento

Iu televidstacio antaŭnelonge enketis, kie troviĝas la plej rimarkindaj trafikaj konstruaĵoj en la mondo. En la rezultlisto aperis kiel la tradiciaj historiaj konstruaĵoj (La kanalo de Panamo, Gottharda fervojlinio, Ponto en San-Francisko), kaj la pli modernaj (Aviadejo en Hongkongo, Ponto Vasco de Gama en Lisbono aŭ Fervojstacio TGV en Lyon).

Se oni simile enketos post kvin jaroj, realan ŝancon je preferata loko havos unu el la kuraĝaj projektoj de nia jarcento. La solena elfoso de tiu ĉi grandkonstruaĵo okazis jam la 9-an de majo 2004 kaj la konstrulaboroj nuntempe sukcese progresas. Celo de tiu ĉi grandkonstruaĵo estas efektivigi sudan kunligon de la fervojoj inter du kontinentoj – Eŭropo kaj Azio. Se la projekto estos sukcese finkonstruita, jam en la jaro 2012 tra du submaraj tuneloj, situantaj en profundaĵo ĝis 56 metroj sub la marnivelo, ektrafikos rapidtrajnoj enlandaj kaj eksterlandaj, same kiel metrootrajnoj.

La tuta projekto ricevis la nomon MARMARAY kaj ĝi ebligos al trajnoj el Eŭropo traveturi sub Bosforo (Markolo de Konstantinopolo) en istanbula stacio Haydarpasa, situanta jam sur la azia kontinento. La decido konstrui submaran tunelon ne estis facile aprobita. Ĝiaj favorantoj bone konsciis, ke temas pri riska entrepreno. La markolo inter ambaŭ partoj de Istanbul apartenas al la plej veturfrekvencaj trafikvojoj sur nia terglobo – kaj kiu estas eĉ pli grava – ĝi troviĝas en daŭre aktiva sisma nordanatola tersulko. La laste okazinta pli granda tertremo en tiu ĉi teritorio en la jaro 1999 kaŭzis morton de pli ol 20 mil homoj. La projektantoj do elektis la japanan konstruan metodon, bazitan je kunmuntado de la antaŭfabrikitaj konstruelementoj en seka doko kaj ilia sekva transporto per trenŝipoj al loko de ilia subakvigo. Sume, oni bezonas lokigi 11 tiujn konstruelementojn 135 metrojn larĝaj kaj 9 metrojn altaj. Krome, oni konstruos du kontinentajn tunelojn sur



*Unu el la ŝipruinaĵoj trovita kaj memoriganta havenon en antikva bizanca erao*

ambaŭ flankoj, en la urbokvartaloj enloĝigitaj jam dum kelkaj jarmiloj. Tiu ĉi fakto kaŭzis eĉ portempan neplanitan ĉesigon de la konstrulaboroj, kiam la konstruantoj trovis en la loko arkeologiajn trovaĵojn memorigantajn havenon en antikva bizanca erao. La konstrulaboristojn do anstataŭis arkeologoj kaj faris detalan traserĉon, kiu la konstrulaborojn malfavore influis.

Feliĉe ne longatempe. Post tempo, oni povis daŭrigi la konstruadon kaj tiamaniere proksimiĝas la tago, kiam por Istanbul la tiom tipaj trajektoj, kunligantaj ambaŭ bordojn de la markolo, transdonos sian rolon al fervojaj trajnoj kaj al metrootrajnoj. Investoj de preskaŭ 3 miliardoj da eŭroj, permesos la realigon de unu el la plej grandaj konstruaĵoj de trafika inĝenierado de la 21-a jarcento.

*Jindřich Tomíšek*

# Terminologia angulo

En la numero IF 2007.6, jam vi legis tiun interesan artikolon verkitan de d-ro Heinz HOFFMANN sed pluraj preseraroj (ĉefe pri ĉapelitaj literoj) enŝovis la tekston. Pro tio, mi denove proponas al vi tiun reaperigon (se eble senerara).

**Pri grandrapido**

Se rapido superas ordinaran mezuron, esperantistoj uzas la adjektivon „granda" (ekzemple laŭ la franca *grande vitesse*) aŭ „alta" (ekzemple laŭ la germana *Hochgeschwindigkeit*). La diferenco apenaŭ gravas. PIV klarigas: **granda 3** = superanta la ordinaran gradon, kvanton, intenson; **alta 4** = superanta la ordinaran nivelon. En PIV ankaŭ troviĝas ekzemplo-frazo: *Supersona rapido estas pli granda ol tiu de sono en fluido.* IFEF sekve preferas la esprimon „grandrapido". En la *UIC*-datumbanko troviĝas du koncernaj nocioj.

- Sub ŝlosilnumero 08982 estas listigitaj ekzemple jenaj nacilingvaj terminoj:

| | |
|---|---|
| Ĉeĥa | *rychlá doprava* |
| dana | *højhastighedstrafik* |
| franca | *trafic à grande vitesse* |
| germana | *Hochgeschwindigkeitsverkehr* |
| hungara | *nagysebességű forgalom* |
| itala | *traffico ad alta velocità* |
| pola | *przewozy ekspresowe* |
| rumana | *trafic de mare viteză* |
| serba | *saobraćaj velikim brzinama* |

- Sub numero 09012 en la samaj lingvoj la terminoj vortiĝas:

| | |
|---|---|
| ĉeĥa | *vysokorychlostní doprava* |
| dana | *højhastighedstrafik* (same kiel 08982) |
| franca | *trafic à très grande vitesse* |
| germana | *Schnellstverkehr* |
| hungara | *igen nagy sebességű forgalom* |
| itala | *traffico ad altissima velocità* |
| pola | *ruch dużymi prędkościami* |
| rumana | *trafic de foarte mare viteză* |
| serba | *saobraćaj vrlo velikim brzinama* |

Necesas mencii, ke tiuj terminoj estiĝis sen scio de difinoj, ĉefe nur per traduko de la francaj esprimoj. Nur jarojn poste la Internacia Fervojunio *UIC* aldonis difinojn:

- 08982 Rapidaj interligoj per vojgvida transportsistemo, por kiuj specialaj veturvojoj kaj veturiloj estas konstruataj.

- 09012 Trafiko grandrapida, por kiu validas specialaj reguloj (ekzemple malpermeso de samtempaj manovraj veturoj).

La difino 09012 ne mencias la fakton en la terminoj, ke la rapido 09012 superas la rapidon 08982, sed ĝi komprenigas, ke sur la linio okazas kaj ordinara trafiko sub normalaj kondiĉoj kaj grandrapida trafiko kaŭzanta restriktojn. Ĉar difino principe estu la bazo por termino, necesas korekti ĉiujn terminojn sub 09012.

Terminara Sekcio de IFEF nun ekdiskutas taŭgajn Esperanto-terminojn responde al la difinoj:

- 08982 El la ĝisnuna termino "rapidtrafiko" oni eventuale miskomprenas nur trafikon de ordinaraj rapidtrajnoj.

Unua ŝanĝpropono: **trafiko grandrapida**

- 09012 Se la ĝisnuna termino "trafiko grandrapida" estas proponata por 08982, necesas aldonaĵo.

Unua ŝanĝpropono: **trafiko grandrapida kun restriktoj**

Eventuale kunlaborantoj havas novajn ideojn por la ŝanĝo.

*Heinz Hoffmann*
sekretario de IFEF-Terminara Sekcio

## Rekta trajnkunligo kun Ĉinio

La fervojo strebas konkurenci la aviadilojn kaj surmarajn kontener-ŝipojn. Germanaj Fervojoj Deutsche Bahn (DB) tial entrafikigis testo-trajnon kun varoj el Pekino al Hasmburg, kiun persone trajnekspedis sinjoro Hartmut Mehdorn, la ĉefo de DB. La elektita trajnitinero gvidis tra Mongolio, Rusio, Bjelorusio kaj Pollando kaj ĝi celis venki la distancon dum dudek tagoj.

Celo de DB tamen estas, ke vartrajnoj traveturus la trajntraceon en 15 ĝis 18 tagoj kaj tiamaniere la vartransporto fariĝus unu fojon pli rapida ol ŝipo naviganta el Germanio al Ĉinio. Kaze de multamasa vara transporto per la fervojo fariĝas grave malplikosta ol per aviadilo. Oni tamen bezonas solvi kelkajn malfacilojn, inter ili eldoganigon.

Prilaborita laŭ "Transport web" de O9.01.2008

*Jindřich Tomíšek*

# Fervoja muzeo en urbeto Ljangasovo (Rusio)

En nia fervojista urbeto Ljangasovo situas interesa muzeo fervoja, kie troviĝas diversaj eksponaĵoj. Ni transdonis en la muzeon kasdedon de itala stacia deĵoranto, kiun donacis al ni S-ro Boschin kun siaj amikoj ankoraŭ en la jaro 1994.

Do, ni dezirus, pere de Internacia Fervojisto, larĝigi la ekspozicion de la pri Trans-Siberia fervoja ĉef-linio, kiu iras tra Siberio al Ĉinio kaj al Koreio. Li trovis tie multon interesan por si kaj por sia libro pri Trans-Siberia fervojo. Bonvolu sendi al adreso:

Sergey Paĥomov

por zh/d Muzey ab.ya 1392, Lyangasovo,

Kirov région, RU -61 0904, Russia.

Ni antaŭdankas ĉiujn. Ankaŭ vi povas



Stacidomo en urbo Ljangasavo

muzeo. Por tio, ni petas al la bonvolemuloj, se eble, alsendi al la muzeo, kaskedojn de staciaj deĵorantoj, estroj kaj lokomotivestroj. Ni estos tre dankaj ricevi ĉion interesan kunligitan tiel aŭ aliel kun fervojo, historio kaj evoluo de fervojo, ankaŭ fotojn, bildkartojn kaj ion ajn, ktp. Nur nepre priskribu detale, klare, legeble tion kion vi sendos (se eblas en du lingvoj: Esperanto kaj via-landa se tio necesas por pli bone komenti).

Ekzemple sur tre bela kaskedo de itala stacia deĵoranto estas grandaj literoj FS kio signifas Fer-voja staci(estr)o.

Necesas aldoni ĉi tie ke Ljangasova Fervoja muzeo estas filialo de Fervoja muzeo, kiu situas en la regiona ĉefurbo Kirov.

En Kirovan muzeon mi venigis mian gaston el Suda Koreio, kiu tre interesiĝas viziti nin kaj niajn muzeojn kun viaj kontribuaĵoj.

Estime Pahomov-oj Sergeo kaj Marina. esper@nto.kirov.ru nepra temo: fervoja muzeo



***Muzeo de la fervoja transporto*** en la urbo Kirov estis fondita en 1995 honore al 100-jariĝo de la komenco de la konstru-

# Terminologia angulo

En IF 2008.1, mi traktis la distingon inter termino kaj produktnomo. El mia diro, ke propraj nomoj ne estas tradukendaj, sekvis diskuto en Terminara Sekcio kun rezulto, ke - se konformas al celo de la teksto - povas esti tamen oportune traduki nacilingvajn produktnomojn. Tiuj tradukoj havu majusklajn komencliterojn, diference de terminoj kun minuskloj. Jen la laste menciita ekzemplo: La speciale por tuteŭropa fervoja uzo konceptita komandosistemo por ekspluatado *ERTMS* (*European Rail Traffic Management System)* estas tradukebla al "Eŭropa Fervojtrafika Komandosistemo".

Jam en la aktuala *RailLexic*-datumbanko de *UIC* troviĝas pluraj produktnomoj anstataŭ terminoj. Ekzemplo estas la germana ekspreštrajn-kategorio *ICE*. Ties Esperanto-versio tekstas:
sub "termino": trajno ICE, sub „noto”: el angla InterCity Express, sub "difino": Trajnkategorio de DB por granda rapido, konsistanta el ICE-tipa(j) motorvagonkombinaĵo(j) ekipita(j) per trifaza kurentotekniko, premrezistaj vagonkestoj kaj mikroprocesora trajnregado.

Tiukaze traduko de la angla produktnomo ne estas rekomendinda, ĉar tiu nomo apenaŭ esprimas la verajn *ICE*-karakterizaĵojn. Fakte ja ĉiuj ekspreštrajnoj trafikas inter pluraj urbocentroj.

*Heinz Hoffmann*
*sekretario de IFEF-Terminara Sekcio*



Sekvo de la paĝo 38



*Ekaterina Zuj,*

ado de la fervojo trans la rivero Vjatka.

La fervojo kunligis Sankt-Peterburgon kun la tre grava industria montara regiono Uralo.

Ekaterina Zuj, fervoja inĝeniero, kreis la muzeon kaj estis ĝia unua direktoro. Fakte, ŝi faris grandegan laboron, serĉis historiajn dokumentojn, eksponatojn, ŝi trovis taŭgan domon por la muzeo: la domo estas la monumento de arkitekto de fino de XIX jarcento. Ĝi estis konstruita de polo Stanislavo Jakubovskij, kiu poste donacis la domon al la urbo.

Ekaterina Zuj memstare lernis Esperanton ĉar tio ja ne estas tiom facila kiel oni imagas ekde la unua rigardo. Ŝi multe bedaŭris ke ŝi tro malfrue eksciis pri Esperanto.

Marina kaj Sergej Pahomov-oj.

**INTERNACIA FERVOJISTO**
*60-a eldonjaro*

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de **Internacia fervojista Esperanto-Federacio**

**Prezidanto:** Romano Bolognesi
Via Misa 4
IT-40139 Bologna, Italio
"co16919@iperbole.bologna.it"

**Vicprezidanto:** István Gulyás
Rákos u 98
HU-1155 Budapest, Hungario
"kozsu13@freemail.hu"

**Sekretario:** Marica Brletić
Peruanska 12
HR-10090 Zagreb
"marica.brletic@hznet.hr"

**Kasisto:** Laurent Vignaud
3 Allée du Haras, App 132
FR-49100 Angers
Tel: +33 (0)2 41 20 19 40
"laurent.vignaud@free.fr"

**Redaktoro**: Jean Ripoche
5 Allée Morillo
FR-44300 NANTES
France
Tel/fakso + 33 (0)2 40 50 57 43
"jeanripoche@wanadoo.fr"

**Franca poŝtĉekkonto:**
**Atentu:**
Ĉekoj aŭ ĝiroj al **"Laurent Vignaud"**
**9 293 74 Y NANTES**
(ĝirante el eksterlando, aldonu 2 eŭrojn pli por bankelspezoj)
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237
BIC-kodo: PSSTFRPPNTE

**UEA-konto:** iffk-o

**Apermonatoj:**
Januaro, marto, majo, julio, Septembro, novembro.

**Redaktofino:**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo:**
Generaldirekcio de MAV
Andrássy ùt 73/75
HU-1062 Budapest, Hungario

**"www.ifef.net"**
ISSN 1397-4270
VIG 2003.494

**Faka komisiono**
GV: Jan Niemann
"niemann@kabelmail.dk"
SK: D-ro Heinz Hoffmann
"Hoffmann-IFEF@t-online.de"
SK: Inĝ Ladislav Kovář
"ladislav.kovar@worldonline.cz "

## INTERNACIA MARA ESPERANTA RENKONTIĜO - 2008



De la 29-a de majo ĝis la 1-a de junio 2008 en mara ripozloko Krajmorie, Bulgario, okazos **Internacia Mara Esperanta Renkontiĝo (IMER)**.

Krajmorie toviĝas nur je 9 kilometroj de la fama havena urbo Burgas ĉe la pitoreska bordo de Nigra Maro. Ĝi estas trankvila, kvieta ripozloko kun bela mara pejzaĝo.

**Temo**: **"Originala Esperanto-literaturo", lekcioj, debatoj, distraj vesperoj**.

**Ekskursoj:** Peraŭtobusaj vizitoj al la antikva mara urbo Sozopol, al la fama havena urbo Burgas kaj ties historia muzeo, al urbo Pomorie kaj la fama monaĥejo "Sankta Georgo", kie antaŭ du jarcentoj okazis pluraj mirakloj. Unu ekskurso kostas 20 eŭrojn.

Esperanto-hotelo "**Diana**": unulita ĉambro por unu nokto – 20 eŭrojn. Du-tri kaj kvarlita ĉambro por unu nokto – 10 eŭrojn. En la ĉambroj estas televidilo, fridujo, klimatizilo, luksa banejo.

**Aliĝkotizo:** Ĝis la 31-a de marto 2008 – 10 eŭroj. Ĝis la 30-a de aprilo 2008 – 15 euroj. Poste: 20 eŭroj.

**Por pliaj informoj**, sin turni al:
**Julian Modest**, retadreso: modest@abv.bg

***Kiel pagi*** *(eventualaj bankkostoj estos eltiritaj)*

❑ Bankkonto de la organizanto (GEORGI MIHALKOV):MUNICIPAL BANK PLC, Stamboliyski str. 143 A, Sofia-1303, BG.
BIC: SOMBBGSF **IBAN**: BG 03 SOMB 9130 44 26339902

***Fervoja Koresponda Servo***
S-ro Dan-Dragos ALDEA
Sos. Nicolai Titulescu 14, B1 21, Ap 69
RO-78152 Bucuresti
Retadreso: esperdragos@yahoo.com
*Se vi deziras uzi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)ojn, kaj pri kiaj temoj ktp. Aldonu, se eble, internacian respondkuponon.*